


# Pluan fojon havebla!

Ilustrita
vortaro por infanoj

Nova eldono (2004), 63p - 30cm




2a reviziita angla-esperanta
vortaro pri komputilaj aferoj




2a reviziita unudirekta vortaro
kun ĉirkaŭ 2 950 radikoj

libroservo@easp.org.br


Roza kaj Blua (Masp)
Renoir (1841–1919)

**LAMPIRO** *54a jaro n-ro 130 2013:1*

**Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**

(Aperas trifoje dum la jaro)

**Ĉefredaktanto**: Francisco Stefano Wechsler
esperanto@fswechsler.com

**Grafikaranĝo**: Francisco Stefano Wechsler

*La redaktanto ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*

# easp

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
Fondita en la 29a de marto 1937

**Propra sidejo**
Rua Faustolo, 124 - Água Branca
05041-000 São Paulo, SP - Brazilo
Telefono-faksilo: (11) 3862-1183
easp.org.br - contato@easp.org.br

**Jarkotizo por 2013**

| | |
|---|---|
| Simpla Membro | R$ 120,00 |
| Subtena Membro | R$ 240,00 |
| Ŝtatinterna Membro | R$ 60,00 |
| Aligita Grupano | R$ 36,00 |
| Aliĝinta Grupo | R$ 20,00 |



**Deĵoroj** - Lunde: 12h - 16h; marde 10h - 20h; merkrede kaj ĵaŭde: 14h - 18h; vendrede: 13h -17h; sabate: 9-18h.

## Enhavo

# Enkonduko

Estimataj Gelegantoj:

Jen en viaj manoj unu plia numero de *Lampiro*. Ĝia enhavo estas diverstema: lingvo, beletro, sano kaj pentrarto. La unua artikolo pritraktas la satiran vervon de la brazila verkisto Machado de Assis. La aŭtoro, Francisco S. Wechsler, penas demonstri, per multaj ekzemploj kaj analizoj, ke Machado kultivis la klasikan satiran tradicion de Menipo el Gadaro, Jonathan Swift, Lawrence Sterne, Voltero kaj aliaj. Espereble vi ne plu rigardos nian Machado kiel enuigan seriozulon.

En la dua artikolo, Francisco S. Wechsler celas atentigi pri dek tre ordinaraj lingveraroj farataj de brazilaj esperantistoj. Tiajn ni aŭdas kaj legas preskaŭ ĉiutage. Eble vi mem jam faris kelkajn el ili… Do atente legu la ekzemplojn kaj penu ne erari plu!

En la tria artikolo, Paulo S. Viana prezentas la Artmuzeon de Sanpaŭlo (MASP). Temas pri unu el la gravaj, vizitindaj lokoj de la ĉefurbo. Ĝia kolekto ampleksas majstroverkojn el pluraj epokoj, kaj ni enmetis kelkajn en apudan paĝon, por eksciti vian artapetiton. Ankaŭ la belega kovrilo ĉi-numera montras faman pentraĵon apartenantan al la MASP-kolekto.

Sekve, Paulo S. Viana prezentas, en bela traduko, poemon de unu grava modernisma aŭtoro, Cassiano Ricardo, juristo, poeto, eseisto kaj ĵurnalisto. Naskita en la ŝtato Sanpaŭlo, Cassiano atingis tutbrazilan famon ankoraŭ dum sia vivo.

Sekvas artikoleto pri sano, en kiu D-ro Paulo S. Viana atentigas nin, ke ne sufiĉas nur plilongigi la vivdaŭron de la homoj; necesas ankaŭ plialtigi la vivkvaliton. Rimarkindas, ke multaj ordinaraj malsanoj de nia epoko estas ligitaj al vivstilo.

Finas la nunan numeron per du poemoj de Elisa R. Camillo, origine verkitaj en la portugala sed tradukitaj de la aŭtorino mem.

Ni profitas la okazon por ankoraŭfoje peti de ĉiuj brazilaj esperantistoj (kaj precipe de la sanpaŭlanoj) bonkvalitajn kaj diverstemajn kunlaboraĵojn, kiuj servu por pliriĉigi la enhavon de la venontaj numeroj.

Bonan legadon al ĉiuj!

La ĉefredaktanto

# Machado de Assis — Eminenta Satiristo

Francisco Stefano Wechsler

*(Surbaze de prelego prezentita ĉe la Renkontiĝo de Esperanto, Baŭruo, 2012.)*

## Enkonduko

Kiam oni pensas pri Machado de Assis, ofte venas en la kapon ia bildo pri seriozulo, kiu verkis enuigajn romanojn kaj rakontojn per pedanta stilo. Tiun ĉi ŝablonon bedaŭrinde pluvivigas niaj lernejoj kaj universitateniraj ekzamenoj, transformante, per kvazaŭlingvisma dissekcado, liajn verkojn en abomenindajn sed devigajn legaĵojn. Mi tamen deziras pruvi al miaj gelegantoj, ĉerpante ekzemplojn el lia verkaro, ke Machado ofte estis amuza: li ŝercis, ironiis kaj primokis siatempajn morojn kaj okazaĵojn. Sendube li meritas la titolon de Eminenta Brazila Satiristo.

## Kelkaj difinoj

Verŝajne utilos komenci mian prelegon difinante la vorton *satiro*. Kion ĝi efektive signifas? NPIV[1] liveras la jenajn tri difinojn:

*1. Poemo, en kiu la aŭtoro kritikas moke la ridindaĵojn aŭ malvirtojn de la samtempuloj.*

*2. Ĉia akre morda aŭ klaĉa verketo.*

*3. Uzo de ridindigo, parole aŭ skribe, por elmontri kaj kritiki modon, moron, homajn malvirtojn ks.*

La unuaj du difinoj apenaŭ aplikeblas al la verkoj de Machado; lia satirstilo plej klare apartenas al la tria kategorio. Efektive Machado celis kritiki homojn, morojn kaj malvirtojn, sed ĉefe per ironio, malofte per sarkasmo. Lia satirstilo estas preskaŭ ĉiam malpeza, subtila kaj eleganta, kontraste al aliaj aŭtoroj, kiel ekzemple Gregório de Mattos[2].

## La ĉefaj iloj de satiro

Por atingi la deziratan efikon, satiristoj uzas plurajn rimedojn, el kiuj la ĉefaj estas *komiko, burlesko, grotesko, karikaturo, parodio, ironio* kaj *sarkasmo.*

Komikon ni difinu kiel la aron da rimedoj uzataj por amuzi kaj ridigi. Tiajn la aŭtoro povus uzi kiel memsufiĉan celon; sed vera satiristo profitas ilian efikon por ridindigi ion aŭ iun. Por atingi aŭ reliefigi komikon, kelkaj aŭtoroj uzas burleskon, alivorte ekstravagance komikan tekston, kontrastigantan la noblecon de la temo kun la trivialeco de la stilo, aŭ inverse. Aliaj uzas groteskon, celante ridigi per strangaj aŭ monstraj formoj. Kelkaj karikaturas, troigante la karakterizaĵojn de persono aŭ objekto. Per parodio satiristo imitas la karakterizaĵojn de konata aŭtoro, ofte en ridiga, burleska maniero.

Kontraste, ironio, la esprimado de penso per vortoj malaj, ordinare celas ne ridigi, sed ridetigi. Sarkasmo estas

tipo de ironio, akra kaj morda. Kiam Machado intencas satiri, li preskaŭ ĉiam tion faras subtile, ĉu ironie, ĉu parodie, ĉu karikature. Malofte li sarkasmas, kaj mi ne sukcesas memori eĉ unu ekzemplon lian pri efektiva burlesko aŭ grotesko.

## Iom da historio



Aristofano (ĉ. 446 ak – ĉ. 386 ak), helena teatraĵisto, estas rigardata kiel la patro de komedio. Per siaj teatraĵoj, li ridindigis filozofion, militon, morojn, aŭtorojn ktp., ne hezitante helpi sin, se bezone, per kruda stilo kaj trivialaĵoj, por ridigi sian spektantaron.



Juvenalo (ĉ. 55 – ĉ. 140), roma poeto, verkis poemformajn satirojn, uzante sarkasman stilon. El tiuj poemoj fontas pluraj esprimoj kaj maksimoj citataj eĉ nuntempe, kiel, ekzemple, *panem et circenses* (panon kaj cirkon) kaj *mens sana in corpore sano* (sana menso en sana korpo).



Menipo el Gadaro (3-a jarcento ak), helenlingva satiristo kaj cinika filozofiisto, naskita en Sirio, kreis la ĝenron nuntempe nomatan "menipa satiro". Li klopodis ridindigi seriozajn temojn per mokserioza stilo. Ĉiuj liaj verkoj bedaŭrinde perdiĝis.



Luciano el Samosato (ĉ. 125 – post 180): helenlingva retorikisto kaj satiristo, naskita en regiono nuntempe apartenanta al Turkujo. Li imitis la stilon kaj temaron de Menipo, kaj liaj verkoj siavice forte influis la stilon de Machado.

La menipa satiro estas karakterize morde sprita, sagaca, eleganta, konciza kaj skeptika. Ĝi montras melankolian toleremon al homaj difektoj kaj abomenon al hipokriteco.



Jonathan Swift (1667 – 1745), irlanda anglalingva romanisto kaj satiristo, draŝis la tiamajn morojn kaj instituciojn. Lia plej fama verko estas la fantazia romano *La vojaĝoj de Gulivero*, kiun multaj misrigardas kiel porinfanan libron. Machado alte ŝatis tiun ĉi verkon, kaj eĉ citis ĝin en kronikaĵo pri la tramtirantaj muloj en Rio.



François-Marie Arouet (1694 – 1778), konata kiel Voltero, estis franca satiristo, akra kritikanto de la katolika eklezio kaj tiamaj institucioj. Li defendis religian liberecon. Lia plej fama verko estas la novelo *Kandido aŭ la Optimismo*, per kiu li ridindigas armeojn,

politikistojn, registarojn, filozofion kaj religion. Ĝia fantazia, senorda kaj rapida intrigo, samkiel ĝiaj diskutoj pri optimismo kaj pesimismo, influis la verkadon de la romanoj *Postmortaj rememoroj de Brás Cubas* kaj *Joĉjo Borba*.



Laurence STERNE (1713 – 1768), angla romanisto kaj satiristo, rekte influis la tiel nomatajn duafazajn romanojn de Machado per sia plej fama verko *La vivo kaj opinioj de Ĝentlemano Tristram Shandy*. En la antaŭparolo de *Postmortaj rememoroj de Brás Cubas*, Machado agnoskas la influon de Sterne.

En la rakonto *Teorio pri graveguloj*, patro cinike admonas sian stultan filon pri manieroj fariĝi gravega persono. La filo nepre devos eviti subtilan kaj inteligentan humoron; preferinde li rakontu krudajn ŝercaĉojn. Kurioze estas, ke tiun ĉi konsilon Machado fasonas por omaĝi tri el siaj preferataj satiristoj:

*Nur ironion evitu, tiun buŝangulan movon, plenan, elpensitan de iu greko el la dekadenca periodo, infektintan Lucianon, kontaĝitan al Swift kaj Voltero, tipan stilon de la skeptikaj kaj impertinentaj.*

## Komiko

En la sekva ekzemplo, ĉerpita el la romano *Dom Casmurro*, la tuta alineo enhavas detalan priskribon de sceno ĝis ties ĉi komika kulmino. La teksto samtempe amuzas kaj helpas precizigi la karakteron de la rolulo Onklo Cosme, kiu preparas sin por ekrajdi mulon:

*La nigrulo, kondukinte ĝin el la ĉevalejo, tenadis la bridon, dum li levis sian piedon kaj apogis ĝin en la piedingon; sekvis minuto por ripozo aŭ pripenso. Poste, li donis al si impulson, la unuan, la korpo preskaŭ supreniris, sed ne supreniris; dua impulso egale efikis. Fine, post kelkaj longaj momentoj, Onklo Cosme kunigis ĉiujn korpajn kaj mensajn fortojn, donis al si la lastan puŝon for de la grundo, kaj ĉi-foje falis sur la seleton. Malofte la mulo ne esprimis, ke ĝi ĵus ricevis la mondon.*

## Ironio

La sama patro de *Teorio pri graveguloj* donas al sia filo pliajn konsilojn. Sarkasme Machado proponas la tezon, ke, por fariĝi gravegulo, nepras malhavi proprajn ideojn:

*Enirinte karieron, vi devos plene prizorgi la ideojn, kiujn vi flegos por uzado propra kaj aliula. Plej bone estus tute ne havi ilin [...] Ideoj estas, pro sia naturo, spontanaj kaj subitaj; kiom ajn bridate, ili elĝermas kaj elŝprucas. [...] ja ekzistas rimedo: turni sin al malfortiga dieto, legi traktaĵojn pri retoriko, aŭskulti certajn paroladojn ktp.*

En la rakonto *Patro kontraŭ patrino*, Machado ironie traktas la socian sintenon ĉirkaŭ 1850 pri kaptado de fuĝintaj sklavoj:

*Nu, kapti fuĝintajn sklavojn estis tiama profesio. Eble ne nobla, sed, estante instrumento de la forto, per kiu oni konservas leĝon kaj propraĵojn, ĝi posedis alian noblecon implican al rajtpostulaj agoj. Neniu alprenis tian profesion por amuziĝo aŭ studado; malriĉo, bezono de kromenspezo, nekapablo por aliaj laboroj, hazardo kaj iafoje ankaŭ la plezuro servi,*

*eĉ se alimaniere, impulsis tiun homon, kiu sin sentis sufiĉe fortika por ordigi malordon.*

De 1888 ĝis 1889 Machado verkis la kronikserion *Bons dias!*. Ĝia sarkasma tono estis tiela, ke li preferis publikigi ĝin sennome, verŝajne timante, ke la enhavo povus endanĝerigi lian postenon de ŝtatoficisto. La sekva teksto apartenas al kronikaĵo aperinta tuj antaŭ la estingo de sklaveco en Brazilo (1888). Temas pri sklavposedanto, kiu fanfaronas pri sia bonkoreco, ĉar li oficiale liberigis sian sklavon Pancrácio kelkajn tagojn antaŭ la ekesto de la koncerna leĝo. Machado jam antaŭvidis, ke la stato de ekssklavoj ja ne multe ŝanĝiĝos:

*Pancrácio ĉion akceptis; li akceptis eĉ fingrofrapon, kiun mi donis al li la sekvan tagon, ĉar li ne taŭge brosis miajn botojn; rezultoj de la libereco. Sed mi klarigis al li, ke la fingrofrapo, estante natura impulso, ne kapablas nuligi la civilan rajton akiritan per dokumento, kiun mi donis al li. Li daŭros libera, mi daŭros fihumora; ambaŭ statoj estas naturaj, preskaŭ diecaj.*

La kvaran ekzemplon pri ironio mi ĉerpis el la rakonto *Pilado kaj Oresto*. Temas pri du amikoj, Quintanilha kaj Gonçalves; la unua agas patrece rilate la duan, kiu akceptas de li plurajn komplezojn. La sinofero de Quintanilha estas tiel forta, ke li eĉ rezignas peti la manon de sia kuzino, kiam li rimarkas, ke ankaŭ Gonçalves amas ŝin. La paro geedziĝas, kaj la rakonto finiĝas ĉi-maniere:

*Quintanilha rolis kiel atestanto por la fianĉo kaj baptopatro por la du unuaj filoj. Unu tagon, kiam, portante dolĉaĵojn al siaj baptofiloj, li trairis la Placon de l' Dekkvina de Novembro, trafis lin ribelula kuglo (1893), kiu mortigis lin preskaŭ tuj. Li kuŝas enterigita ĉe la tombejo de Sankta Johano Baptisto; la tombo estas simpla, la memorŝtono montras epitafon, kiu finiĝas per tiu ĉi pia frazo: "Preĝu por li!"*

Sed kie kuŝas la ironio? Ĝi tiel subtilas, ke nuntempa leganto tre malfacile rimarkos ĝin. Fakte la frazo *Preĝu por li!* estis tre ordinara tiam. Do la sinoferadon de Quintanilha oni rekompencis per kuglo, malkara tombo kaj ŝablona epitafo.

## Parodio



La rakonto *En la arkeo* prezentas interesan ekzemplon pri serioza parodio. En ĝi Machado imitas la stilon de la Malnova Testamento kaj parodias ĉi ties parton pri Noa kaj la diluvo; tamen li celas ne propradire ridigi la leganton, sed averti lin pri homa militemo. (La verko aperis nelonge post rus-turka milito.) En la komenco de la rakonto, la akvo jam malleviĝas, kaj baldaŭ la arkeo surteriĝos:

*Tiam diris Noa al siaj filoj Jafet, Ŝem kaj Ĥam: — "Ni eliru el la arkeo, laŭ la volo de la Eternulo, ni kaj niaj edzinoj kaj ĉiuj bestoj. La arkeo nepre malleviĝos sur montsupron; ni eliros sur ĝin.* […]

*"Jen nun plenumiĝis la promeso de la Eternulo, kaj ĉiuj homoj pereis, kaj fermiĝis la akvofaloj de la ĉielo; ni remalleviĝos sur la teron, kaj vivos en la sino de paco kaj konkordo."*

La filoj de Noa planas, kion fari kun la tero:

*Kaj Ŝem parolis el sia koro, dirante: — "Mia patro havas sian familion; ĉiu el ni havas sian familion; tero abundas; ni*

*povus vivi en apartaj tendoj. Ĉiu el ni faros tion, kio plej plaĉos al li: kaj li plantos, ĉasos, aŭ ĉarpentos lignon, aŭ ŝpinos linon.”*

*Kaj Jafet respondis: — “La ideon de Ŝem mi opinias sagaca; ni povos vivi en apartaj tendoj. La arkeo malleviĝos sur montsupron; mia patro kaj Ĥam malsupreniros orienten; mi kaj Ŝem okcidenten. Ŝem okupos ducent ulnojn da terspaco, mi kromajn ducent.”*

Sed post nelonge ili ekkverelas pri la limoj de la terpecoj okupotaj:

*Tamen Jafet diris al Ŝem: — “Ĉar nun ni estas solaj, ni decidu ĉi tiun gravan disputon, ĉu buŝe aŭ pugne. Aŭ vi fordonos al mi ambaŭ bordojn, aŭ mi rompos al vi ripon.”*

*Dirante ĉi tion, Jafet minacis Ŝem-on per fermitaj pugnoj, dum Ŝem, klinante la korpon, diris per kolera voĉo: —“Nenion mi fordonos al vi, ŝtelisto!”*

*Tiam Jafet respondis kolere: —“La ŝtelisto estas vi!”*

Tiel intense ili interbatalas, ke Noa estas devigata interveni, kaj veas:

*“Ili ankoraŭ teron ne posedas kaj jam kverelas pro limoj. Kio okazos, kiam venos Turkujo kaj Rusujo?”*

La rakonto finiĝas pesimisme:

*Kaj neniu el la filoj de Noa sukcesis kompreni tiun ĉi diron de sia patro.*

*Tamen la arkeo plu naĝadis sur la akvo de la abismo.*



Tute alispecan, komikan parodion prezentas la rakonto *Prediko de la diablo*, kiu baziĝas sur la Monta Prediko (Nova Testamento). Per sovaĝa sarkasmo Machado atakas spekulaciistojn:

*Kaj vidinte la homamasojn, la Diablo supreniris sur monton, nomatan Ĝibulo, kaj, kiam li sidiĝis, liaj disĉiploj venis al li;*

*Kaj malferminte la buŝon, li instruis ilin, dirante:*

*Feliĉaj estas la trompantoj, ĉar ili ne estos trompataj.*

[…]

*Vi aŭdis, ke estas dirite al la homoj: Amu unuj la aliajn. Sed mi diras al vi: Manĝu unuj la aliajn; pli utilas manĝi ol esti manĝita; la lumbo de aliulo estas multe pli nutra ol la via.*

*Ankaŭ estas dirite al la homoj: Ne mortigu vian fraton, nek vian malamikon, por ke vi ne estu punataj. Mi diras, ke ne necesas mortigi vian fraton, por ke vi heredu la regnon de la tero; sufiĉas forŝiri de li la lastan ĉemizon.*



Pli subtilan, sed samtempe komikan parodion Machado prezentas en la rakonto *Venuso! Diino Venuso!* La ĉefrolulo estas Ricardo, diletanta poeto, kiu enamiĝas sinsekve al pluraj altklasaj junulinoj kaj por ili verkas po unu poemo, komparante ilin al la Melosa Venuso. La poemoj estas nekuraceble rutinaj (sed ĉi tion ne diras Machado!), kiel ekzemple:

*Rava floro, vi ordonas*
*Ĉiujn florojn de l’ ĝardeno,*
*Diajn formojn pruntedonas*
*Al Venuso, ho sireno.*

(Tiamaniere Machado parodias la romantikajn poemojn tiam furorajn.)

Al amatino malsana Ricardo dediĉas la jenajn versojn:

*Jen delikatan floron nun faligis*
*La terura ventego de tempesto…*

Tamen neniu amatino reciprokas lian pasion. Aliflanke, lia kuzino Felismina delonge amas lin, sed li rifuzas ŝin, ĉar ŝi estas malriĉa kaj havas malbelan nomon. Sed kiam Felismina fianĉiniĝas al alia viro, Ricardo ekamas kaj rekonkeras ŝin deklamante la jenajn versojn:

*Rava floro amata kaj diina,*
*Ne kopio vi estas, sed modelo*
*De la fama Venuso, Felismina.*

Machado donas al la rakonto feliĉan finon, sed ne sen satiro:

*Ili geedziĝis. Ricardo sin dediĉis tuta al amrealo.* [...] *La poeto ĉesis poeti, kion bedaŭregis liaj admirantoj. Iam unu el ili demandis lin, avide:*

*— Ĉu do vi ne plu skribas versojn?*

*— Oni ne povas ĉion fari, respondis Ricardo, karesante siajn kvin gefilojn.*



Mi finos tiun ĉi prelegon per ekzemplo pri ekstreme subtila parodio. Ĝi troviĝas en la rakonto *Miss Dollar*. Unu el la ĉefroluloj estas D-ro Mendonça, kiu amegas hundojn, sed laŭŝajne disreviĝis pri homoj.

Machado priskribas la hundkolekton de Mendonça jene (laŭ traduko de Paulo Sergio Viana):

*Kiuj ajn estis la motivoj, fakte neniu havis pli belan kaj varian kolekton ol li. Li havis ĉiurasajn, ĉiugrandajn kaj ĉiukolorajn. Li zorgadis pri ili kvazaŭ pri idoj; se mortis unu el ili, li fariĝis melankolia. Oni preskaŭ povus diri, ke en la spirito de Mendonça hundo pezas tiom, kiom amo, laŭ fama dirâjo: forprenu el la mondo la hundon, kaj la mondo fariĝos malplenaĵo.*

Kie do la parodio? Tre malfacile oni povas ĝin trovi. Temas pri la diraĵo citita, kiu verŝajne aludas al la jena teksto de la portugala aŭtoro Alexandre Herculano (1810–1877). La koncernan parton mi dikliterigis:

*Kio okazus al mondo sen virinoj? Al pasioj donu laŭpove la plej egan ardon, al plezuroj miloblan intenson, al sensoj maksimuman energion kaj ŝanĝu la mondon al paradizo, sed* ***forprenu el ĝi la virinojn, kaj la mondo fariĝos melankolia malplenaĵo,*** *la plezuroj estos nur preludo de enuo.*

Do ŝajnas, ke D-ro Mendonça preferas hundojn ol virinojn. Sed baldaŭ li renkontos ĉarmegan vidvinon, al kiu li enamiĝos, kaj… Pli bone estos, se vi legos la verkon.



Restas al mi nur citi konatan latinan proverbon, kiun devize portas ĉiu satiristo: *Ridendo castigat mores*[3] (per ridado oni korektas la morojn).

Kaj tiel venis fino al mia latino…

## Notoj

[1]Nova Plena Ilustrita Vortaro (2005).

[2]Gregório Mattos (1635–1695) estas la plej grava poeto el la baroka periodo. Li tiel akre satiris, kritikante aŭtoritatojn kaj la eklezion, ke li estis ekzilita en Afrikon.

[3]Proverbo kreita de la franca aŭtoro Jean de Santeul [1630–1697].

# Lingva Angulo

## Dek ordinaraj lingveraroj

**Francisco Stefano Wechsler**

*(Surbaze de prelego prezentita ĉe Esperanta Renkontiĝo en Loreno, 2012.)*

Por ĉi tiu prelego, mi elektis dek ordinarajn lingverarojn faratajn de brazilaj esperantistoj. Evidente la listo tute ne estas elĉerpa.

1. *Johano estas* ***priokupita*** *pri sia sano. Johano* ***priokupiĝas*** *pri sia sano.* Temas ne propradire pri gramatika eraro, sed pri malĝusta redono de la portugallingva verbo *preocupar-se*. Diru do: *Johano estas* ***maltrankvila*** *(aŭ maltrankvilas) pri sia sano.*

2. *Kvar homoj* ***partoprenas de*** *la tosto.* Refoje temas pri paŭso de portugallingva esprimo; pli ĝuste estus diri: *Kvar homoj* ***partoprenas en*** *la tosto* aŭ *Kvar homoj* ***partoprenas*** *la toston*.

3. *Homa vivo* ***komencas*** *per embrio. Por ke la programo* ***komencu****, oni bezonas alklaki la butonon.* La verbo *komenci* postulas rektan objekton, do ĝustaj frazoj estus: *Homa vivo* ***komenciĝas*** *per embrio* kaj *Por ke la programo* ***komenciĝu,*** *alklaku la butonon.* Evidente aliaj solvoj ekzistas.

4. *Ne eblas* ***anstataŭi*** *ĉevalon per zebro.* La verbo *anstataŭi* signifas *roli en la loko de*, dum *anstataŭigi* signifas *meti ion aŭ iun en la lokon de*. Sekve, ĝustaj estus la frazoj *Ne eblas* ***anstataŭigi*** *ĉevalon per zebro* kaj *Zebro ne kapablas* ***anstataŭi*** *ĉevalon.*

5. *Ambiciulo decidis ŝpari monon* ***ĝis kiam*** *li sukcesos aĉeti aŭtomobilon.* La vorteto *ĝis* rolas kaj kiel prepozicio kaj kiel konjunkcio, do diru: *Ambiciulo decidis ŝpari monon* ***ĝis*** *li sukcesos aĉeti aŭtomobilon.*

6. *Oni* ***necesas*** *legomojn por resti sana.* La primitiva vorto estas *necesa*, el kiu deriviĝas la ceteraj, do diru: *Oni* ***bezonas*** *fruktojn kaj legomojn por resti sana. Fruktoj kaj legomoj* ***estas necesaj*** *por sano.* ***Necesas*** *manĝi fruktojn kaj legomojn por resti sana.*

7. Leono ja estas danĝera besto, sed el tio ne sekvas, ke *resti kun leono estas* ***danĝera***. Jen la ĝusta formo, laŭ la Fundamento de Esperanto: *Resti kun leono estas* ***danĝere***. Evidente eblas aliaj solvoj: *Resti kun leono estas* ***danĝero****; Resti kun leono* ***danĝeras****; Restado kun leono estas* ***danĝera***.

8. Multaj esperantistoj enkapigis al si, ke ĉio post verbo estas rekta objekto, kaj ili diras, ekzemple: *Lanriĉa ŝafo* ***ŝajnas nubon*** aŭ *Lanriĉa ŝafo* ***aspektas nubon***. La verboj *esti*, *ŝajni* kaj *aspekti* enkondukas frazparton rilatan al la subjekto. Ĝustaj estus do la jenaj frazoj: *Lanriĉa ŝafo* ***ŝajnas nubo****; Lanriĉa ŝafo* ***similas al*** *nubo; Lanriĉa ŝafo* ***aspektas kiel*** *nubo.*

*(Daŭrigita sur la paĝo 18.)*

# Vizitindaj Kulturcentroj en Sanpaŭlo

## MASP — Templo de Arto

**Paulo Sergio Viana**



Inter multaj kulturcentroj en la urbego, elstaras MASP: Muzeo de Arto de San-Paŭlo. Ĝi estas efektiva simbolo de la urbo. Ĉe plej rafinita avenuo “Paulista”, ĝiaj kvin etaĝoj (tri subteraj) kaj 11000 kvadrataj metroj da konstruaĵoj gardas 8000 artverkojn. La kvalitoj de ĝiaj kolektoj – interalie pentraĵoj de Renoir, Botticelli, Picasso, Portinari, Tarsila do Amaral kaj aliaj geniuloj – faras ĝin unu el la plej altnivelaj muzeoj en la mondo. Ankaŭ gravaj skulptaĵoj estas parto de ĝia trezoro, inter kiuj admirindaj farit-aĵoj de Degas. Ĝi akceptas portempajn



ekspoziciojn de artistoj el la tuta mondo, sinsekve, tiel ke dekoj da miloj da homoj ĝin vizitas ĉiumonate.

La muzeo situas sur altaĵo, de kie oni povas vidi vastan panoramon de la urbo. Por ne malhelpi rigardon al la urba pejzaĝo, oni konstruis la majestan sidejon de MASP sur grandegaj kolonoj, inter kiuj oni lasis impresan 74-metran “liberan spacon”. Pro ĝia bela arkitektura desegno kaj kulturhistoria graveco, oni dekretis, ke ĝi estu laŭleĝe “publika posedaĵo”.



MASP enhavas ankaŭ librovendejon kaj akceptas koncertojn de erudicia muziko. Krome, ĝi proponas teatraĵojn, prelegojn, publikajn diskutojn, dancospektaklojn kaj kursojn pri arto.

MASP estis fondita en la jaro 1947, pro iniciato de du ĵurnalistoj: Assis Chateaubriand kaj Pietro Maria Bardi. La nunan sidejon tamen oni poste konstruis dum 12 jaroj kaj ĝian inaŭguron ĉeestis la reĝino de Britujo, Elizabeto, inter aliaj gravaj homoj.

Sendube MASP estas vizitinda templo de arto en nia urbego.

# Kelkaj majstroverkoj en la kolekto de MASP



Junulino kun Libro
José Ferraz Almeida Jr. (1850–1899)

Lernejano
Vincent Van Gogh (1853–1890)





La Virgulino kun Knabo Jesuo kaj
Sankta Johano La Baptisto Infana
Sandro Boticelli (1445–1510)



Ĉefduko Alberto VI
el Aŭstrujo
Peter Rubens (1577–1640)

# Poetoj el Sanpaŭlo

## Cassiano Ricardo, vigla modernisto

**Prezento kaj traduko: Paulo Sergio Viana**

*Cassiano Ricardo naskiĝis en la urbo São José dos Campos, en la jaro 1895 kaj mortis en Rio, en 1974. Li diplomiĝis kiel juristo, kaj karieris kiel grava eseisto, ĵurnalisto kaj poeto, elektita en la ŝtatan kaj tutbrazilan akademiojn de beletro. Li estis modernisto kun naciisma inklino, poste li partoprenis en la konkretisma movado. Unu el liaj plej famaj poemoj estas la longa "Martim-Cererê", verkita laŭ mitologieca maniero.*

*Jen ni prezentas en Esperanta vesto unu lian poemon.*

### Strato

Mi bone scias, ke ofte
la sola ebleco
estas ĉion prokrasti. Prokrasti soifon, malsaton, vojaĝon,
ŝuldon, amuziĝon,
dungopeton, aŭ eĉ sian propran ĝojon.
Espero estas ankaŭ maniero
daŭre prokrasti.
Mi scias, ke necesas prestiĝi esperon
ĉe atendoĉambro.
Sed mi scias ankaŭ, ke atendado signifas luktadon kaj ne nur
sidantan esperon.
Ne rezignon fronte al la vivo.

Espero
neniam estas burĝa figuro, sidanta, en trankvila atendado.

Ĝi neniam estas virina figuro
Sur antikva bildo.
Sidanta, ĵetanta maizon al kolomboj.

# Scienca Angulo

## Pli longa vivo — sed kio pri vivkvalito?

**Paulo Sergio Viana**

La mondprestiĝa medicinrevuo "The Lancet" ĵus publikigis gravan artikolon pri la sanstato de la homaro. Aranĝita en Usono, kun apogo de la Universitato de Vaŝingtono, la esploro enhavas datumojn el 180 landoj, kunlabore kun 300 institucioj el la tuta mondo. Ĝi estas la plej ampleksa studaĵo pri malsanoj kaj riskofaktoroj sur la Tero. Oni alvenis al frapa konkludo: la homoj vivas pli longe, sed ne bonkvalite, post certa aĝo. Aliflanke, la kvanto da infanmortoj malkreskas.



Alta sangpremo estas la plej ofta risko nuntempe, kaj ĝi mortigas po naŭ milionoj da homoj jare. Dualoke aperas tabakfumado kaj trialoke drinkado. Ĉi tiu lasta mortigas po kvin milionoj.

Dum malpliiĝis la mortoj pro manko de sufiĉa nutrado, forte kreskis tromanĝemo kaj sekve trograseco. Nuntempe, nesanaj manĝkutimoj kaj manko de korpekzercoj respondas pri 10 procentoj el la malsanoj. Trograseco jam mortigas trioble pli ol nesufiĉa nutrado.



Kiam alvenas maljuniĝo, plej gravaj problemoj estas: lumbodoloroj, depresio, anemio, koldoloro, kronikaj pulmomalsanoj, ostomuskolaj malsanoj, nervozeco, migreno, diabeto kaj akcidentoj (faloj). Rilate al morto de infanoj, malgraŭ la progresoj, intestaj virusmalsanoj kaj morbilo ankoraŭ amase atingas la etulojn. Ĉe junaj homoj, perforto kaj aidoso estas oftaj problemoj.

Laŭstatistike, jen estas la dek plej oftaj riskoj al sano, en la moderna mondo: alta sangpremo, drinkado, tabakfumado, hejma malpureco, nesufiĉa manĝado de fruktoj, trograseco, alta kvanto de sukero en la sango, infana malalta pezo, medimalpureco, manko de korpekzercoj.



Kio plej impresas en tiu serioza publikaĵo estas, ke multajn sandamaĝojn la homoj povus preventi per simplaj ŝanĝoj en sia vivostilo.

# Melankolio

**Elisa Rosa Camillo**

*Al mia amiko Ridel, karese.*

Dum ekstere
La pluvo falis,

Ĉe la fenestro, je tiu horo,
Mi pensis kaj revivis…
Mi revivis nian tempon de infano,
De miaj amikinoj lojalaj.
En la noktoj malvarmaj kaj stel-plenaj
Muzikojn petolajn ni kantis.

Kaj la tempo pasis…
Kaj la mondo ŝanĝiĝis…
Sed ne foriras el la memoro
Mia tempo de infanaĝo.

Kaj la tempo pasis…
Ni eksinfaniĝis.
Necesis la disiro.
Restis nur la rememoro.

Kaj la mondo ŝanĝiĝis…
Hodiaŭ tiu infano
Ne plu vivas.
Restis nur multe da memoro.

Nun ĉio malsamas!
La steloj, la kantoj,
La amikecoj, la emocioj…
Ĉio, ĉio ŝajnas foresti.

La stelojn ni ne rimarkas,
Kaj la emocioj sin kaŝas…
La amikecoj ne tiel sinceras,
Kaj la rememoroj?

Pasis la pluvo.
Kvietiĝis la vento.
Ŝanĝiĝis la tempo.
Aliformiĝis la mondo.

Kiel ĉio malgajas!
Kial la mondo ŝanĝiĝis?!



# La tero, la homo, la sekeco…

**Elisa Rosa Camillo**

Brazilo!
Nia patrujo, nia gento!
Brazilo!
Nia tero, nia popolo!

Al la terkulturisto mankas tero.
La terkulturisto bezonas planti.
Li bezonas rikolti,
Por manĝi, por vivi…

La terkulturisto ricevas la teron…
Teron malriĉan, sekan, bruligitan.

Brazilo ĉiukolora!
Brazilo ĉiudolora!

La homo konkeras la teron:
Akvumas la grundon, kolektas la karbon.
Ĉu plantos la terkulturisto?
Ĉu rikoltos la terkulturisto?

Li plantas; ne venas la pluvo.
Ĉio sekiĝas, ĉio brulas.
Ĉu li sukcesos rikolti?
Ĉu li sukcesos manĝi?

Brazilo de la bonkoraj, de la seriozaj…
Brazilo de angoro, de mizero…

## Kvin proverboj pri malsato

*Ventro malsata orelon ne havas.*
*Se malsato turmentas, lupo timon ne sentas.*
*Sata malsatan ne povas kompreni.*
*Malplena sako tentas al peko.*
*En malsata familio mankas harmonio.*

(El la Proverbaro Esperanta de L. L. Zamenhof)

(*Daŭrigo de la paĝo 11.)*

9. Ĉu oni uzu *Ne traktu alilandanon **kiel pajaco**!* aŭ *Ne traktu alilandanon **kiel pajacon!*** ? Ambaŭ frazoj estas tute ĝustaj laŭ gramatika vidpunkto, sed ne ĉiuj scias, ke ili havas klare malsamajn signifojn. La unua signifas: ne kondutu al alilandano en pajaca maniero. La dua signifas: ne mistraktu alilandanon, supozante, ke li estas pajaco.

10. *La artikolo temas **pri kuiri** bongustajn manĝaĵojn per malmulta salo.* Antaŭ infinitivo, tradicie eblas uzi nur *anstataŭ*, *por*, *krom* kaj *antaŭ ol*; modernaj aŭtoroj ankaŭ uzas *sen*. Uzu do solvon similan al unu el la sekvaj: *Temas **pri kuirado** de bongustaj manĝaĵoj per malmulta salo; **Anstataŭ trouzi** salon, oni spicu manĝaĵojn per herboj; Oni uzu ankaŭ herbojn **por spici** manĝaĵojn; **Krom sali** manĝaĵojn, oni povas apliki aliajn procedojn; **Antaŭ ol** enmeti salon, oni zorge pesu ĝian kvanton. Oni lernu kuiri **sen uzi** multan salon* (aŭ *sen multa salo).*



*Plenaj originalaj verkaroj de du plej famaj esperantaj poetoj*




**La lingvo serena**

Baldur Ragnarsson
Edistudio
799 paĝoj - 18cm




**En barko senpilota**

William Auld
Edistudio
874 paĝoj - 18cm

# Probal Dasgupta

## *Loĝi en homaj lingvoj*




Jam fariĝis tradicio ke la gvidantoj la plej prestiĝa esperanta organizaĵo en la mondo postlasu signifan verkon kiel kontribuon al la pliriĉigo de la esperanta fakliteraturo. La nuna UEA-prezidanto, Probal Dasgupta, regalas la esperanstistaron per sia verko "Loĝi en homaj lingvoj: la substancisma perspektivo".